# BELGA ESPERANTISTO

DUMONATA REVUO

42a JARO — JULIO 1950

OFICIALA ORGANO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Asocio sen profita celo, tute sendependa de partiaj agadoj.*
*SOCIA SIDEJO : 19, avenuo Montjoie, Bruselo.*

**1950**
**- n° 4 -**

Voor alle inlichtingen over Esperanto : — Pour tous renseignements au sujet de l'Esperanto :

178, Peter Benoitlaan, Merelbeke (Gento)


# 34a Belga Kongreso de Esperanto

**Spa, 27a ĝis 29a de Majo 1950.**

*« Unu Belga nacio - unu nacia Ligo - unu Belga Kongreso. »*

## KONGRESO « DE LA JUNULARO » ĈE LA « FONTOJ DE JUNECO »

*« On dit, amy, qu'en la forêt d'Ardenne*
*« Dessous un chesne ondoye une fontaine. »*

Estas en Spa « ĉe la sojlo de la Ardenoj, en la urbo de la junecfontoj, kun siaj ardezbluaj tegmentoj kaj sia romana preĝejo », — kiel diras la bela prospekto, kiun oni disdonis al la gekongresanoj dum la Pentekostaj tagoj, — ke okazis nia 34a Belga Nacia Kongreso.



La Kongresanoj antaŭ la Urbdomo.

La 34a... Kiom da jaroj florflugis de la antaŭa Kongreso en la sama urbo !... Kiom da jaroj, de tiu bela 1913 ! Kiom da okazintaĵoj ankaŭ en tiu longa periodo ! Du militoj, kiuj kaŭzis multajn mortojn. Same kiel la Tempo senkompata, kiu falĉis el niaj rangoj preskaŭ ĉiujn, kiuj en la tiama tempo gvidis nian movadon.

Kaj kiu, per sia falĉilo, ankaŭ malhelpis, en 1934, la efektivigon de la Kongreso antaŭvidata en Spa por tiu jaro.

Ĉar, kelkajn semajnojn antaŭ la malfermdato de tiu Kongreso, subite kaj kruele, ĝi forrabis de ni la Prezidanton de Belga Ligo Frans Schoofs; kaj la Ligestraro decidis anstataŭi la kongreson per memoriga tago en Antverpeno mem.

Sed se la morto falĉis kaj falĉadis dum tiuj multaj jaroj... ĝi tamen lasis, — eterne junan ĉe la junecfontoj, — la prezidanton de la L. K. K., la simpatian S-ron Desonay, kiu, antaŭ unu jaro, per simpla sed promesplena letero, akceptis organizi nian jarfeston dum 1950.

Kaj kiam unuj post aliaj, ni alvenis en Spa kaj en la Turisma Oficejo, kie estis la akceptejo, estis la gaja rido de nia sindona samideano, kiu bonvenigis nin; nin kiuj venis el la plej malproksimaj urboj kaj vilaĝoj de la Belga Lando, same el la valonaj kiel el la flandraj provincoj.

Kelkaj kongresanoj alvenis jam, ĉu de la antaŭa tago, ĉu de l'mateno, sed la plimulto alveturis per vagonaro el Bruselo, en kiu la estraro de Belga Ligo rezervigis al ili serion da kupeoj, en kiuj ĉiuj trovis tre oportunan lokon, sub la patra okulo de la stacia komisaro, kiu malpermesis al aliaj eniri la vagonon kaj eĉ ties balkonojn, ĝis kiam la Kongresanoj mem invitis la lastalvenintajn vojaĝantojn disponi pri la ankoraŭ liberaj lokoj.

En la akceptejo ĉiuj, en minimumo da tempo, ricevis koverton en kiu ili trovis la necesajn informojn pri loĝado kaj la kuponojn por la diversaj aranĝoj.

Rapide okazis la demeto de la valizoj en la cetere tute proksimaj hoteloj kaj, en bona ordo, disvolviĝis, de la 5a posttagmeze, la programo, pri kiu ni tamen, pro ĝia amplekso, nur tre resume povos raporti.

**La malferma kunsido.**

D-ro Kempeneers tuj transdonis la parolvicon al S-ro Desonay, kiu tute afable kaj plenkore bonvenigis ĉiujn kaj deziris al ili belan sunon, nepre necesan en Spa, bonan restadon kaj sukcesplenan kongreson.

La Prezidanto de Belga Ligo tiam oficiale malfermis la kongreson, bonvenigis siavice ĉiujn, la belgojn kaj la fremdlandanojn, kaj faris plurajn komunikojn pri la programo.

Li ankaŭ speciale atentigis pri ampleksa ekspozicio de Esperantajoj, organizata en la fundo de la salono kaj kiu restos alirebla al ĉiuj interesitoj dum la Konresaj tagoj.

Poste la prezidanto memorigis ke, dum la pasinta Kongreso, ni decidis meti sur la tagordon de la nuna, la temon : « Esperanto kaj la Junularo. » Kaj li estis feliĉa, ĉar li povis anonci ne, el tri gravaj urboj, junuloj elsendis aŭ alportis raportojn pri tiu temo, nome el Bruselo, S-ro Jirousek; el Antverpeno, S-ro Roger Jaumotte kaj el Bruĝo, S-ro Carlo Poupeye.

Ĉar S-ro Jirousek, pro sia soldatiĝo, ne povis ĉeesti, S-ro Castel legis lian raporton, kiu detale parolis pri ampleksigo de gazetara servo, kiu ankaŭ klopodus atingi la organojn de la junularaj movadoj kaj studentaj gazetoj.

S-ro Carlo Poupeye tiam, en tre korekta lingvo, parolis pri la propagando, kiun povas fari la junuloj mem ĉe siaj kamaradoj, ĉu en junularaj movadoj ĉu eĉ en lerneja klaso, ekzemple okaze de paroladetoj pri laŭelektaj temoj. Li instigis ankaŭ al propagando per afiŝoj kaj propagandiloj en la ejoj de junularmovadoj kaj speciale en la junulargastejoj.

Fine S-ro Roger Jaumotte, same entuziasme, pritrakis la temon, speciale substrekante la propagandon kiun ni povas fari ĉe la skoltoj kaj ĉiuspecaj duonsimilaj organizajoj. Li alportis kelkajn konkretajn rimedojn por ekkomenci tiun propagandon. La fincelo estu ke, en Belga Ligo, ni havu junularon, kiu ĝuas ĉiujn rajtojn kaj facilaĵojn, kiujn ĝuas la plenkreskuloj.

La Prezidanto dankante la raportintojn enkondukis la priparoladon kaj, tiuokaze, nia vicprezidanto Maurice Jaumotte, kiu estas nacia komisaro de la junularmovado de la Ruĝa Kruc-kadetoj parolis iom detale pri ĉio, kio, laŭ li, estas elĉerpebla el la tri raportoj kaj konkludis per akcentigo de la nepra neceseco fari, kiel eble plej baldaŭ, firman paŝon en tiun direkton.

La Prezidanto fine komisiis S-ron Roger Jaumotte alporti, dum la solena kunsido de dimanĉo, la finajn konkludojn de tiu tre interesa priparolado... kaj petis ke, por la morgaŭa tago, la kongresanoj jam pripensu, kiun temon ni povas elekti por la venonta jaro.

**Simfonia koncerto.**

Post la kunsido, ĉiuj havis okazon por, en iu restoracio, rekapti novajn fortojn kaj, je la 20a 30, ili retroviĝis en la koncerta salono de la « Parc de Sept Heures », tutapuda al la « Syndicat d'Initiative ».

Estis la Urba Simfonio, direktata plej lerte de S-ro L. Barzin, kiu alportis al la kongresanoj tutan bonelektitan programon, meze de kiu estis antaŭvidata la « 5a Koncert-komponaĵo » de Beethoven, ludota de nia bona samideanino S-ino Elsie Lefebvre-Janssen akompanata de la Simfonio.

Tiu programo konsistis el la « Uverturo Ruy Blas » de Mendelssohn, la « Fantazio de Lohengrin » de Wagner, la « Vilaĝaj Dancoj » de Grétry kaj « Coppelia » de Leo Delibes.

Iĝis vere trafa artmanifestacio, kiun ĉiuj plene ĝuis; kaj la longa aplaŭdo post ĉiu numero montris la ĝeneralan kontentecon.

Post la simfonia koncerto, ĉiuj kune iris al intima dancsalono, kie, dancante kaj kantante, la kongresanoj kune restiĝis ĝis la unua matene, en plena amuzado.

**La Dimanĉa tago.**

Tre frue jam la katolikaj partoprenantoj al la Kongreso, kaj ankaŭ multaj aliaj, ellitiĝis por esti akurate en la ĉefpreĝejo de Sta. Remaklo, kie okazos, je la 8a 15, la kutima Di-servo kun esperanta prediko.

Tiu prediko estis elparolata de Lia Abata Moŝto Canisius Driessen, kiu ĝin faris de sur la predikejo dum la ordinara Meso, ĉeestata de multaj Spa-anoj.

Zorge eldirata kaj per entuziasma voĉo, tiu parolado impresis ne nur la esperantistojn, sed ankaŭ la aliajn aŭskultantojn, kiuj klopodis kompreni kaj, ĉiuokaze, povis sperti ke Esperanto estas lingvo, parolata kiel alia.

Post la Meso, ĉiuj kongresanoj kunvenis antaŭ la preĝejo kaj sekvantare, kun la flagoj antaŭe, ili iris al la monumento honore de la Militmortintoj, kie S-roj Kempeneers kaj Desonay demetis florojn kaj dum minuto da silento memorigis la karajn mortintojn.

**En la urbdomo.**

La kutima akcepto en la urbdomo estis antaŭvidata jam antaŭ la oficiala solena kunsido kaj, je la 10a 30, ĉiuj kune eniris la unuaetaĝajn salonojn, kie atendis ilin membroj de la urbestraro.

Pro la foresto de la urbestro D-ro Barzin, estis la unua skabeno de la urbo S-ro Collin, kiu plenumis lian taskon.

S-ro Desonay, kiel Prezidanto de la L. K. K. prezentis la kongresanaron kaj memorigis la skabenon pri la fakto ke, kvankam li ne en la vera senco de la vorto estas Esperantisto, li tamen, iam kaj antaŭ multegaj jaroj, kune kun li, eklernis Esperanton. Li dankis la urbestraron, same kiel li ankaŭ dankis la grandajn organizaĵojn de Spa, pro ĉio kion ili jam faris kaj ankoraŭ faros por la Esperanto-movado. Li kaptis la okazon por peti en la urbestraro la disponon pri salono por kurso, kiu certe komenciĝos en Spa en baldaŭa estonto.

Tiam estis la vico de D-ro Kempeneers, kiu elparolis jenan paroladon :

*Monsieur l'Echevin,*

*Les participants au XXXIV^me^ Congrès Belge de l'Esperanto vous remercient de l'honneur que vous leur faites en les accueillant à l'Hôtel de Ville.*

*Ce ne furent pas seulement les autorités communales, mais aussi le Syndicat d'Initiative et la Compagnie des Eaux qui mirent tout en œuvre pour rendre le séjour à Spa agréable aux congressistes, qui vous en sont reconnaissants.*

*En 1913 déjà, votre prédécesseur, le Baron de Crawhez, avait tenu qu'il fut fait accueil au V^me^ Congrès Belge de l'Esperanto, et, en son absence, M. Maes, échevin de l'Instruction Publique, avait présidé à la réception.*

*Le grand organisateur du Congrès de 1913, comme de celui-ci, est notre ancien et dévoué*

*membre, M. Jean Desonay, qui fut, avec M. Borckmans, un des pionniers de notre mouvement dans la région, et à qui nous exprimons toute notre reconnaissance.*

*Comme le disait M. Maes en 1913, c'est dans une ville à clientèle cosmopolite comme Spa qu'on peut le mieux apprécier l'utilité d'une langue internationale.*

*Un tableau remarquable de Fontaine, qui décore le Pouhon Pierre le Grand, représente une centaine de personnalités venues retrouver la santé dans votre ville. Ils sont d'époques différentes et viennent des quatre coins de l'Europe.*

*Cette fédération de l'Europe, que tant de bons esprits s'efforcent de créer, bien que par des voies différentes, a existé au moins dans le domaine intellectuel, dès l'époque de la Renaissance. En remettant en faveur l'étude de l'antiquité, les humanistes ont rénové l'outil qui, pendant des siècles, a servi d'instrument commun à tous les intellectuels, à savoir le latin.*

*La langue latine était devenue une véritable langue internationale, langue seconde que tout homme cultivé se devait de connaître et de pratiquer. Et beaucoup de ceux qui figurent au « Livre d'Or » correspondaient entre eux, de pays à pays, grâce au latin.*

*La généralisation de l'enseignement, le développement de nationalismes de plus en plus agressifs, ont favorisé la renaissance, l'étude et l'utilisation de langues nationales tombées jusqu'alors au rang de dialectes d'intérêt local.*

*La création, par les traités de 1919-1920, d'une série d'Etats indépendants, sur la base de communautés linguistiques, a été le couronnement de cette période.*

*Le latin a cessé d'être une langue véhiculaire; chacun parle SA langue.*

*Le fonctionnement des organismes internationaux, tels que l'O. N. U., est devenu de plus en plus compliqué. Un certain nombre de langues nationales sont en usage; l'importance du personnel et des installations techniques indispensables ont maintes fois été décrites. Leur prix de revient est extrêmement élevé, et chacun de nous en paie, hélas, sa part.*

*Chaque peuple désire voir sa propre langue figurer parmi les élues. Il ne s'agit plus seulement du français ou de l'anglais, voire de l'espagnol ou de l'italien, mais encore du russe, du chinois ou de l'arabe.*

*L'Union Postale Universelle, cet organisme fidèle et pratique grâce auquel sont transportées de pays à pays les correspondances de toutes sortes, s'est trouvée devant des difficultés quasi inextricables, du fait de la décision d'ajouter ces trois dernières langues — russe, chinois et arabe — aux langues utilisées jusqu'alors, anglais, français et espagnol.*

*Après de longues discussions, on finit par décider que le journal serait publié en six parties, une pour chaque langue, et que les six parties seraient reliées ensemble pour former un cahier. Les figures seraient insérées dans la partie française, qui se trouve en tête, suivie des autres textes selon l'ordre alphabétique français.*

*Y a-t-il une autre solution ? Ou verrons-nous chaque année de nouvelles langues s'ajouter à celles qui sont déjà officielles, s'augmenter le nombre de traductions, — et de traducteurs, — et se multiplier le nombre de tonnes de documents imprimés qui sortent chaque année de l'O. N. U. et de l'U. N. E. S. C. O., pour ne citer que ces deux-là. Le Moloch du prestige linguistique exige chaque jour de nouveaux sacrifices. Nous en savons quelque chose en Belgique !*

*Nous, Espérantistes, avons résolu le problème depuis longtemps.*

*Laissons chacun utiliser la langue qu'il désire, dans ses relations avec ses compatriotes, mais dans les relations entre individus de langues différentes, utilisons une langue neutre, internationale, la seconde pour tous.*

*Puisque le latin a cessé de remplir ce rôle, et puisqu'il n'est plus adapté aux concepts de la vie moderne, utilisons l'Esperanto qui, depuis soixante-trois ans qu'il existe, a prouvé suffisamment son aptitude à servir d'intermédiaire dans tous les domaines, qu'il s'agisse de science, de politique ou de philosophie; que ce soit par l'écrit ou par la parole.*

*Les Espérantistes savent que leur langue n'est plus un projet, mais une réalité vivante. Et ils s'irritent quelquefois de l'incompréhension à laquelle ils se heurtent.*

*Dans un article remarquable, qu'il a publié dans l'Année politique, économique et coopérative (23, 197, 1949), sous le titre « L'Esperanto, langue vivante », Lucien Laurat décrit le miracle du Ier Congrès Espérantiste Universel de Boulogne-sur-Mer, en 1905, et ajoute :*

*« L'étape d'aujourd'hui est peut-être la plus dure, car il s'agit de lutter contre l'ignorance volontaire. On connaît les arguments avancés judis par ceux qui affirmaient, au nom de la science, que jamais la vapeur ne pourrait remplacer la traction animale, que jamais les hommes ne parviendraient à s'élever dans les airs, que les sous-marins étaient impossibles... Il faut leur*

*rendre cette justice qu'ils n'ont pas persisté dans l'erreur après avoir constaté les faits. Par contre, il se trouve encore aujourd'hui des linguistes démontrant par des arguments « scientifiques » qu'une langue internationale ne saurait fonctionner. Pour rester sûrs de leurs démonstrations, ils s'obstiennent d'assister, ne serait-ce qu'un quart d'heure, à n'importe quel congrès espérantiste international, où la pratique de la langue dite artificielle triomphe brillamment de leurs abstractions authentiquement artificieuses. Seuls des aveugles volontaires peuvent présentement nier qu'une langue internationale existe, fonctionne et est manipulée par des dizaines de milliers de personnes aussi aisément que n'importe quelle autre langue. »*

*Monsieur l'Echevin, vous n'êtes pas de ceux là: votre présence parmi nous en est le témoignage. Vous avez tenu à donner à notre Congrès Belge l'appui de votre présence et de votre autorité.*

*Sa situation, ses beautés naturelles, ses eaux de réputation mondiale font de Spa un lieu prédestiné pour des réunions de ce genre.*

*Nous ne doutons pas, Monsieur l'Echevin, que vous aiderez de toutes manières le groupe espérantiste local et son animateur, M. Desonay, à attirer l'attention du public espérantiste sur votre belle ville.*

*Et je caresse l'espoir de voir, dans les lieux mêmes où se réunissaient vos hôtes illustres de jadis, se grouper chaque année une cohorte toujours plus nombreuse d'adeptes venus de divers pays, devisant des sujets les plus divers dans une seule et même langue, donnant ainsi l'exemple de l'intercompréhension internationale.*

S-ro Jaumotte, kiel kutime kaj por aŭdigi nian lingvon al la reprezentantoj de la urbestaro resume tradukis rapide tiun paroladon, same kiel li tion ankaŭ faros post la parolado de la skabeno.

S-ro Collin tre spirite respondis al la du paroladoj. Li senkulpigis sin pro la fakto, ke li ne daŭrigis la studadon kaj la uzadon de Esperanto, sed li tamen ne tute forgesis ĝin kaj tre bone povis sekvi la tradukojn faritajn antaŭ li.

Li substrekis la grandan intereson, kiun la internaciaj organizajoj oficialaj kaj ne-oficialaj havus uzi la belegan instrumenton, kiu nomiĝas Esperanto kaj li volonte promesis al S-ro Desonay la daŭran apogon de la urbestraro, ankaŭ por la organizo de kursoj.

Li tiam invitis, — kaj tuj poste reinvitis, — la kongresanojn trinki glason da vino, je la bonfarto de la urbo Spa, kiun li reprezentas, kaj de la Esperanta movado, kiu nin ĉiujn ligas.

Ke la membroj de la urbestraro efektive interesiĝis pri nia afero, montras la fakto ke, post la trinkado de kelkaj glasoj da vino, ni ankoraŭ longtempe restis kune en la salonoj, gaje babilante, sed ankaŭ farante bonan propagandon.

**Solena kunsido.**

Post la fotografado, kiu okazis sur la ŝtuparo de la urbdomo, ni denove sekvantare iris al la Urba Teatro, kie estis okazonta la solena kunsido de la Kongreso.

Tie sidis sur la podiumo D-ro Kempeneers, ĉirkaŭata de la vic-prezidantoj S-roj Jaumotte kaj Tassin, de la ĝenerala sekretario S-ro Cl. Van de Velde, de la kasistino S-ino Plyson kaj de S-ro Poupeye, kiu akceptis legi gravan raporton de la ĝenerala sekretario, kaj, komprenebIe ankaŭ, la Prezidanto de la L. K. K., nia amiko Desonay.

Malfermante tiun oficialan kaj solenan kunsidon, la Prezidanto honorigis la mortintojn de la jaro per minuto da silento; legis poste multajn salutleterojn de internaciaj kaj eksterlandaj instancoj kaj multajn individuajn telegramojn kaj bondezirojn.

Poste, estis la vico de F-ino Parson, angla samideanino, de S-ro Curnelle, franca amiko kiu regule ĉeestas niajn kongresojn, kaj de S-ino Lecat, kiu alportis la saluton de la polaj samideanoj, por diri kelkajn agrablajn kaj kuraĝigajn vortojn al la Belga kongresanaro.

**La konkludo de la debato pri la Junularo.**

S-ro Roger Jaumotte tiam legis la konkludan raporton, kiun li verkis pri la diversaj individuaj raportoj kaj la priparolado de la antaŭa tago, kaj kiu

respegulis la ideojn antaŭmetitajn de S-ro Carlo Poupeye, S-ro Jirousek kaj li mem.

Atentante la fakton ke multaj junuloj de diversaj junular-movadoj, skoltoj, Ruĝa Kruc-kadetoj k. s. povas akiri *badge*'on aŭ insignon pri interpretista kono de Esperanto, la raporto konkludas ke ni intense devas plifaciligi al tiuj junuloj la akiron de tiu atesto per la organizo de specialaj kursoj por ili kaj, por ilin altiri, antaŭvidi specialan porjunulan kotizon, kiu enhavos kiel eble plej multe da avantaĝoj; ni ankaŭ devus, en baldaŭa estonto, antaŭvidi la kreon de speciala literaturo por la membroj de junular-movadoj kaj la starigon de sekcio de kadetoj de Belga Ligo, kiu specialiĝos en la propagando tiucele kaj en la kunigo de ĉiuj junularaj fortoj.

La Prezidanto, post la legado de tiu raporto, kiu estis favore kaj aplaŭde akceptata, petis ke S-roj Maurice kaj Roger Jaumotte iniciatu ĉiujn paŝojn, kiuj ebligos la efektivigon de la proponoj resumitaj ĉi supre.

Li dankis tre kore la junulojn, kiuj prezentis raportojn kaj diris sian fidon en la junularo, por kiuj Belga Ligo estas preta fari ĉion eblan.

Pro la fakto ke la sekretario de la Ligo, S-ro Verdier, estas en la eksterlando, S-ro Tassin legis la raporton de la Esperantista Komerca Ĉambro, el kiu evidentiĝas ke tiu ĉi faris efektivajn servojn al diversaj komercistoj dum la pasinta jaro.

S-ro Jaumotte petis ke la membroj de tiu Esperantista Komerca Ĉambro ricevu en la daŭro de la jaroj kelkajn novaĵojn pri ĝi, por ke tiuj, kiuj membrigis komercajn firmojn, povu montri al siaj kunlaborantoj aŭ eventuale estroj la utilon de tiu membreco.

F-ino Obozinski tiam raportis pri la Instruista Ligo Internacia kaj faris varman alvokon por ke ĉiuj gemembroj de la instruistara fako aliĝu al la Belga Sekcio de tiu Ligo, S-ro Curnelle poste parolis pri la Blinduloj.

Post klariga vorto de S-ro Vandevelde, S-ro Poupeye legis ties raporton, kiu aperos resume en sekvonta numero de nia organo.

La kunsidantaro elektis inter diversaj temoj prezentitaj por la venonta kongreso. Post vera baloto, estis akceptata « Esperanto kaj Radio ».

S-ro Jaumotte faris ankoraŭ du elokventajn alvokojn por Panjo la Kaso kaj por la Honora Kolono de la 35a Belga Kongreso, kiu okazos en Bruselo. La rezultatoj estis respektive Fr. 1.235 kaj 63 enskribitoj por 1951.

Fine, la Prezidanto proponis forsendon de telegramo al la Ŝtatestro, Lia Reĝa Moŝto Princo Karlo ([1]), kaj al la jenaj gemembroj de nia Ligo kiuj, pro malsano, ne ĉeestas la kongreson : al S-ro G. Vanden Bossche, ĉefdelegito de U. E.A., kaj al S-ino Elworthy-Posenaer, pionirino de Esperanto kaj honora administrantino de la Ligo.

---

([1]) Teksto de la sendita telegramo :

*Les Espérantistes belges, participant au XXXIV*ᵐᵉ *Congrès National organisé par la Ligue Royale Espérantiste Belge à Spa, prient Son Altesse Royale d'accepter l'expression de leurs sentiments de loyauté et de fidélité.*

Teksto de la ricevita respondo :

Palais de Bruxelles.

Maison du Prince Régent.

*Monsieur le Président.*

*Le Prince Régent a reçu le télégramme que vous Lui avez adressé à l'occasion du XXXIV*ᵐᵉ *Congrès National de la Ligue Royale Espérantiste Belge.*

*Son Altesse Royale, très sensible aux sentiments d'attachement que vous Lui avez exprimés, m'a chargé de vous transmettre, ainsi qu'à tous ceux dont vous vous êtes fait l'interprète, Ses sincères remerciements.*

*Veuillez agréer, Monsieur le Président, les assurances de ma considération distinguée.*

*Le Chef de Cabinet.*

### La festeno.

Survoje al la festena salono, kiu estas la granda historia salono de la « Hôtel Britannique » en kiu, post la unua mondmilito, kunvenis la Armistica Komisiono, la kongresanoj ankoraŭ rapide vizitis la Puhonon aŭ Fonton Pierre le Grand kaj admiris tie la Oran Libron de tiu Institucio.

Tiu Ora Libro fakte estas granda kontraŭmura pentraĵo, sur kiu oni retrovas la vizaĝojn de ĉiuj geeminentuloj, — reĝoj kaj princoj, scienculoj, beletrikistoj kaj artistoj, grandaj ĉarmulinoj k. c., — kiuj, en la daŭro de jarcentoj, estis la gastoj de Spa kaj serĉis tie, ĉu sian amuzon aŭ ripozon, ĉu sian resaniĝon.

Ĉe la honora tablo, la Prezidanto estas ĉirkaŭata, dekstre, de la Skabeno S-ro Collin, de la Vic-prezidanto S-ro Jaumotte kaj de la ĉiam tiel vigla plejaĝulino S-ino F. Staes; maldekstre, de S-ro Bastin, reprezentanto de la « Syndicat d'Initiative », la Kasistino S-ino Plyson kaj S-ro Desonay.

La menuo estis jene redaktita :

*Verda Supo*
*Soleaĵo laŭ bonulina maniero*
*Boridaĵo kun diversaj legomoj*
*Glaciaĵo Nelusko*
*Biskvitoj.*

Post kiam, en la plej agrabla atmosfero, tiuj diversaj pladoj estis prezentataj al la atento kaj al la bona gustumado de la manĝemuloj, sonis la horo de la toastoj.

La Prezidanto prezentis tiun al la Belga nacio kaj al ĝia unua reprezentanto Lia Reĝa Moŝto Princo Karlo, vicreĝo de Belgujo.

Tiam sekvis : S-ro Tassin al la eksterlandaj kongresanoj kun respondo de F-ino Parson; S-ro Jaumotte al la sinjorinoj en la persono de sia tabla najbarino, kun respondo de S-ino Elly Staes; S-ro De Kegel al la gazetaro; S-ro Castel al la oficialaj instancoj de Spa; kun respondo de S-ro Bastin; S-ro Poupeye al la L. K. K., kun respondo de S-ro Desonay, kiu estis varme aplaŭdata por la bona kaj bela laboro, kiun li efektivigis en Spa, okaze de la organizo de la Kongreso; laboro en kiu, dum la lastaj tagoj, tutkore helpis aro da Bruselaj samideanoj.

Al tiuj oficialaj toastoj aldoniĝis plia de S-ino F. Staes je la honoro de la junularo; kaj ŝi donacis kun kiso, sumon de cent frankoj al ambaŭ ĉeestantoj raportintoj por ekkomenci sian propagandon.

### Vizito, koncerto kaj balo.

Kiam lastfoje ĉiuj estis levintaj siajn glasojn je l'honoro de tiuj, al kies sano tiuj diversaj eminentuloj proponis trinkadon, estis tempo por iri al la Banejo aŭ « Etablissement Thermal », kie ĉiuj klarigoj pri la banoj, pri la diversaj akvoj kaj la kotinfluo estis abunde donataj de S-ro Desonay.

Tiu vizito tamen estis iom rapida, ĉar ni devis urĝi al la « Parc de Sept Heures », kie la muzikistaro de la P. T. T. el Verviers donis, je nia honoro, specialan harmonian koncerton, kiun ĉiuj multe ĝuis.

Poste sekvis ankoraŭ, kiel konkludo de tiu bela tago, dua dancado en la sama salono, kie multaj, la antaŭan tagon, jam trovis plezuron.

### La lunda tago.

Kaj. dank'al la suno, la lundo iĝis vere apoteoza tago de tiu ĉi Kongreso.

S-ro Desonay estis antaŭvidinta por tiu lasta kunesto, grandan ekskurson per privataj luksaj aŭtomobiloj al la kvar lagoj; al la grandiozaj akvorezervujoj de Gileppe kaj de Eupen, kiu lasta estas apenaŭ finefektivigata; al la Baraque Michel kaj al la nuna plej alta punkto en Belgujo, la turo de Botrange, tra la belaj kaj sovaĝaj fanjoj, por reveni al Spa, laŭ Francorchamps kaj Malmédy, parte detruita pro nura taktikeraro.

Ni ne volas klopodi priskribi la belecon de ĉio kion ni vidis. Ni devis resumi eĉ la plej interesajn paroladojn kaj raportojn en tiu Kongreso. Ne decas do, ke ni foruzu ampleksan lokon al priskribo de naturbelaĵoj.

*(Sekv. p. 34, malsupre.)*

## MENINGEN UIT AMERIKA EN ELDERS

« Voor de internationale vriendschap en samenwerking is het nodig dat wij de andere naties kennen, en dat zij ons kennen. Een der voornaamste hindernissen die de baan dwarsbomen is de verscheidenheid der talen. » (President Truman.)

« In het verleden grepen de internationale betrekkingen plaats door tussenkomst van personen die, gedurende jaren, talen bestudeerd hadden; in onze democratische tijd worden de wereldse zaken onderhandeld door afgevaardigden die geen veeltalenkenners zijn. Geen een der nationale talen kan de rol van internationale taal vervullen, omdat ze moeilijk te leren zijn, en ter oorzake van de naijver tussen de Mogendheden over de taal die zou moeten gekozen worden. De beschuldiging van taalimperialisme is ook toepasselijk aan beknopte systemen, zoals « Basic-English », « Basic Russian », Universal German », enz. » (W. Solzbacher, lid der Commissie voor Aanwerving van Vertolkers bij O. N. U.)

Het latijn heeft gedurende enige eeuwen de rol vervuld van hulptaal, doch het heeft het contact verloren met het moderne leven. De eminente Zweedse taalkundige, Professor Björn Collinder (Universiteit Upsala) legt het grondprobleem van een hulptaal uit als volgt :

« Wat wij thans nodig hebben is een vereenvoudigd latijn, een ordelijke en rationele taal, die bewaart wat uit het latijnse-griekse vocabulaire reeds internationaal is, een eenvoudige en ordelijke taal, zodat eenieder ze leren kan in de lagere school. Gelukkiglijk hebben wij zo een taal : het Esperanto. »

Esperanto is op « natuurlijke » en logische wijze uit de Europese talen gesproten, door weglating der « nutteloze » verwikkelingen van spelling, uitspraak en grammatica. Zo wordt het aanleren vergemakkelijkt.

De stamwoorden zijn romaans, germaans, en, in geringe mate, slavisch. Vele stamwoorden zijn gemeen aan enige dezer talen. Ze worden, metodisch en zonder uitzonderingen, gecombineerd met dertig voor- en achtervoegsels, welke, tegenstrijdig met wat in de historische talen gebeurt, een wel bepaalde betekenis hebben.

Deze combinaties laten toe zonder een grote geheugeninspanning een aantal woorden te bekomen, dat groter is dan dit om 't even welke Europese taal. **Esperanto estas lingvo internacia facila por rilatoj sciencaj, literaturaj, komercaj, politikaj, privataj.**

Al wie het verbeteren der internationale betrekkingen wenst, lere Esperanto om daaraan te helpen.

---

Kaj post komuna manĝado je tagmezo, restis ankoraŭ iom da tempo por agrabla promenado en tiu ne granda, sed tamen ĉiam alloga urbo de Spa, kiun ni la antaŭaj tagoj vidis en peza malhelgriza plenombro, kaj kiun ni nun povis admiri en plena suno... tiu suno, kiun Spa, kiel diris S-ro Desonay, vere bezonas.

Ekde la kvina tamen jam multaj devis foriri por rehejmiĝi al lokoj ja tre malproksimaj de la kongresurbo.

Sed ĉiuj volis, lastfoje, gratuli la prezidanton de la L. K. K. kaj estis meze de l'entuziasmo, ke ĉiuj diris unu al la alia : « ĝis revido, proksiman jaron, en Bruselo ».

La 34a mortis vere belan morton ! Ekiĝu al viviganta vivo la 35a en nia ĉefurbo !

**Mardon matene.**

Mardon matene, kelkaj kongresanoj vizitis la instalaĵojn de Spa-Monopole, kie ili estis akceptataj de S-ro Kavaliro de Thier. Ili estis gvidataj tra la laborejoj kie estas enboteligataj la diversaj akvoj fame konataj. Ili admiris la nove instalitajn maŝinojn kiuj purigas, plenigas, ŝtopas, etiketas po 12.000 botelojn en ĉiu horo. Ili gustumis diversajn specimenojn kaj forportis memoraĵojn de tiu interesa vizito, kiu estis tre interesa fino por nia Kongreso.

Maur. JAUMOTTE.

## BELGA LIGO 45 JARA

Ni remoriĝas al niaj membroj, ke Belga Ligo estis stariĝata la 30an de Julio 1905. Okaze de tiu jubileo, ni ricevis afablan gratulleteron de Norvega Ligo Esperantista. Ni kore dankas nian fratan asocion, kaj ankaŭ ĉiujn, kiuj pripensis tiun datrevenon.

---

## BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — *Esperanto-Grupo « La Verda Stelo »*. — La 26an de Majo, tagon antaŭ la Kongreso en Spa, la malnovuloj alportis ĉiuspecajn memoraĵojn pri antaŭaj kongresoj kaj speciale multajn fotografaĵojn, kiuj interesegis ne nur la novulojn, sed ankaŭ la malnovulojn mem.

Sabaton, la 27an de Majo, dudeko da Antverpenanoj ekkomencis agrablan vojaĝon al Spa, kie ili partoprenis la 24an nacian Kongreson.

La vespero de la 2a de Julio iĝis granda sukceso. La prezidanto estis dividinta la taskon raporti pri la Kongreso inter deko da novuloj kaj kelkaj malnovuloj. Ĉiuj pritraktis gaje, sprite kaj lerte unu parton de la Kongreso. Kaj F-ino Hélène Hofkens, kiel konkludo, legis poeziaĵon, pri ĝi, kiun ĉiu partopreninto al la Kongreso memoriĝe ricevis, ornamitan per ĉies subskribo.

La 9an de Junio, S-ro Hector Vermuyten faris tre interesan paroladon, historian bonhumoran kaj tamen tre kompletan pri la evoluo de la urba puriĝada servo de Antverpeno. Ĝi ĝuis grandan sukceson.

La 16an, la parolado de S-ro Faes estis anstataŭata per la ĉiujara vizito de la grupanoj al la Pentekosta Kermeso. Dudekkvin gepartoprenantoj amuziĝis dum tuta vespero.

*Honoriga vespero.* — La 23an de Junio iĝis granda tago por « La Verda Stelo ». Por la unua fojo post la milito, estis honorigataj la jubileintoj. Pli ol dudekkvin estas ilia nombro. Al ĉiuj estis transdonata la arĝenta aŭ bronza medalo de la Grupo, kun kvinjaraj steletoj por la plej fidelaj.

La Prezidanto substrekis, unu post alia per simpla sed amika vorto, la meritojn de ĉiuj jubileantoj, kies palmareso estas jena :

Arĝenta medalo (minimume 25 jaroj da membreco) al S-ino H. Schoofs, M. Jaumotte kaj M. De Ketelaere (ĉiuj 33 jaroj), S-ino Marguerite Jaumotte-Loquet, S-roj Aug. Faes kaj Gustave Vermandere (ĉiuj 30 jaroj), F-ino Jeanne Morrens kaj Léon Schoofs (ĉiuj 29 jaroj), S-roj Hector Vermuyten kaj Maurice Boeren (ĉiuj 28 jaroj), S-ino Lucette Faes-Janssens (ĉiuj 25 jaroj).

Bronza medalo (minimume 10 jaroj, kun plia steleto por ĉiuj 5 pliaj jaroj) al F-ino Maria Jacobs, S-ino Blanche Vermuyten-Lacroix kaj F-ino Yvonne Vanderveken (24 jaroj), S-ino Jeanne De Hondt-Hubens kaj S-ro Louis Ritchie (23 jaroj), S-ino Livine Merckx-Herickx kaj D-ro Alfons Christiaens (22 jaroj), S-roj Hector Boffejon, Georges Van den Bossche kaj Roger Jaumotte (21 jaroj), ĉiuj kun du steletoj; F-ino Jeanne Loquet kaj S-ro Henri Sielens (10 jaroj), F-inoj Mathilde kaj Hélène Hofkens kaj S-ro Willy Boffejon (18 jaroj), S-ro Henri De Hondt (17 jaroj), ĉiuj kun unu steleto. Pro la milito, ne estis 10jaraj jubileantoj.

Krome, la estraro decidis havigi al S-ino Maria Elworthy-Posenaer la arĝentan medalon « pro merito », kiun speciala delegacio portos al ŝi hejmen.

Post la gratuloj de la Prezidanto al ĉiuj, S-ro Sielens, kasisto, petis la parolvicon kaj legis decidon de la Administrantaro, kiu deziris « esprimi sian dankon kaj sian estimon kaj admiron por la por-esperanta laboro, kiun S-ro Maurice Jaumotte ankaŭ plenumas en aliaj mezoj » kaj « decidis honorigi lin por ĉiuj liaj specialaj postmilitaj meritoj per aldono de ora palmo al la rubando de la medalo Pro Merito, kiun li jam posedas de antaŭ pluraj jaroj ».

Kaj meze de la aplaŭdoj, li pinglis belegan oran palmon sur la verda-blankan rubandon de la unuaklasa distingo de « La Verda Stelo ».

La Prezidanto dankis kortuŝite kaj alvokante ĉiujn al nova laboro, sed precipe al gaja, frateca kunvivado en la grupo, kiu povas vivi, kreski kaj bonfarti ne nur pro la ardaj por-esperantaj sentoj de ĉiuj, sed precipe per la amikaj sentoj, kiuj unuigas ĉiujn membrojn regulajn kaj fidelajn.

Kaj tiam sekvis la disdono de la diplomoj al la lernintoj de la kurso, gvidata de S-ro Jaumotte, nome al F-ino Henriette Toussaint kaj S-ro Jules Verstraeten, F-ino Elisabeth De Winter, S-roj Adh. Verhoeven, Aloïs Van Hoyweghen, Richard Borré, Karel Van der Wee,

Alfons Vercruyssen, S-ino Marthe De Naeyer, S-roj René Balleux, Karel Aalders, Raym. Robeyns, Henri De Hondt, Leo Emmerman, Jan De Bruyn, Bern. Droste, Leo Janssens, Frans Schellekens, Fr. Huygaerts, F-inoj Rina Pauwels, Nelly Van Heel, Lutgarde Blondeel, Monique Caluwaerts, S-ro G. Patroons kaj S-ino José Van der Keilen.

Post kiam S-ro Verstraelen estis dankinta, nome de la gelernintoj, la profesoron kaj la juĝantaron, la prezidanto legis gratuelleteron de D-ro Kempeneers, kiu estis malhelpata ĉeesti tiun feston; kaj ankoraŭ, kaj por la unua fojo, disdonis esperanto-insignon, rezervatan al por junulaj movadoj, al tri membroj de la Kadetaro de la Ruĝa Kruco, nome F-ino Meulemans kaj S-roj Roger Jaumotte kaj Henri De Hondt.

Vendredon, la 30an de Junio, S-ro Faes rakontis tute personajn sed tre interesajn detalojn pri dumvintra vojaĝo, kiun li faris al Londono. Per longaj aplaŭdoj la ĉeestantaro dankis.

*Programo de la venontaj kunsidoj.* — Kunvenoj ĉiuvendrede, je la 20.20a en la salono (la etaĝo) de « Witte Leeuw », 4, Frankrijklei, Antverpeno : 7an de Julio, amuza kaj ludvespero; 14an de Julio, parolado de S-ro Faes, « De Lange Nieuwstraat »; 21an de Julio, ekskurso al Nederlando (detaloj en speciala cirkulero); 28an de Julio, parolata ĵurnalo (kun ĉies kunhelpo); 4an de Aŭgusto, diskutvespero, enkondukota de F-ino Elisabeth De Winter, pri temo elektota de la genovuloj; 11an de Aŭgusto, amuza kaj ludvespero; 18an de Aŭgusto, intima kunsido senprograma; 25an de Aŭgusto, parolata ĵurnalo; 1an de Septembro, elekto de nova direktanta komitato, konsistanta, duone, el malnovaj kaj, duone, el novaj samideanoj; 8an de Septembro, unua vespero dum kiu kvar aŭ kvin novuloj parolados pri sia libertempo; 15an de Septembro, amuza kaj ludvespero; 22an de Septembro, dua kunveno, dum kiu kvar aŭ kvin novuloj parolados pri sia libertempo; 29an de Septembro, parolado de la Prezidanto kaj oficiala rekomenciĝo de la nova vintra laborsezono.

BRUSELO. — La grupo kunvenas regule; la nombro de partoprenantoj ĉiam restas granda.

*Programoj de la estontaj kunvenoj.* — Ejo : Brasserie Saint-Martin, place du Grand-Sablon, 38, Grote Zavel, ĉiulunde je la 20a.

Julio : la 3an, Parolata ĵurnalo; la 10an, S-ro Van der Stempel, La Kantantaj Turoj; la 17an, S-ro Everaets, Ludonantoj kaj Luprenantoj; la 24an, S-ro Ledeganck, Travojaĝante Rumanujon; la 31an, F-ino Kestens, Bibliografio de Esperanto.

Aŭgusto : la 7an, Speciala eldono de nia ĵurnalo; la 14 an, Festotago, ne okazos kunveno; la 21an, S-ino Richard, La Bona Recepto; la 28an, Raporto pri la Internacia Kongreso.

Septembro : la 4an, Parolata ĵurnalo; la 11an, S-ro Verdier, La Okulavidmanĝegulo; la 18an, S-ro Jirousek, La Televidado; la 25an, S-ino Elly Staes, Dekjara datreveno de la grupiĝo de junaj muzikamatoroj.

Oktobro : la 2an, Parolata ĵurnalo, disdono de diplomoj al la laŭreatoj.

BRUĜA GRUPO. — Dek unu membroj de la grupo ĉeestis la nacian kongreson en Spa, pri kiu estis detale raportata dum la sekvantaj kunvenoj. Estis denove decidata organizi ŝparkason por la venontjara kongreso. La 6an de Junio F-ino Yvonne Poupeye interese raportis pri ŝia vojaĝo al Romo. Amuza debato : « Por aŭ kontraŭ vizaĝpentrado » okazis la 13an de Junio. La sekvanta kunveno estis dediĉata al perfektiga lernado laŭ « Fundamento ». La 27an de Junio S-ro Karlo Poupeye (filo) inicis la ĉeestantojn en la misteroj de la televido kaj kondukis al ili elmontradon de la elsendo Tele-Lille. F-inoj Toussaint kaj S-ino Beernaerts-Toussaint el Antverpeno agrable surprizis la grupanojn per sia vizito dum la kunveno de la 4a de Julio, dum kiu S-ro Ch. Poupeye, vicdelegito de U. E. A., detale parolis pri tiu internacia organizaĵo.

*Programo de la venontaj kunsidoj.* — Ordinara kunveno : ĉiumarde je la 20a, en la sidejo « Gouden Hoorn - Cornet d'Or ». Komitata kunveno la unuan mardon de ĉiu monato, de la 19a ĝis la 20a en la sama ejo. Dum la unua duonhoro de ĉiu ordinara kunveno : Perfektiga kurso, poste diversaj programeroj. En okazo de bela vetero, iu aŭ alia el tiuj programeroj povos esti anstataŭata per vespera promenado.

Aŭgusto : la 1an, F-ino Y. Van Parys pri Vojaĝo al Romo; la 8an, Vizito de interesaj partoj de la urbo; la 15an, Festotago, ne okazos kunveno; la 22an, Novaĵoj pri la Universala Kongreso; la 29an, Debato pri Sportoj.

Septembro : la 5an, S-ro Jadem pri Vojaĝo al Normandio; la 12an, S-ro Verplancke pri Fabrikado de alkoholo kaj preparado de alkoholaĵoj; la 19an, F-ino De Milde pri La Ardenoj; la 26an, S-ro De Vriendt pri Filmarto.

Oktobro : la 3an, F-ino Is. Van Parys pri Fabrikado de Sukero.

## NOVAJETOJ

— En ARNHEM (Nederlando) oni povos, dum la baldaŭa somero, viziti specialan ekspozicion « Mejloŝtono 1950 ». Ĝi montros la malfeliĉaĵojn, kiuj tie okazis je la 5a de Majo 1945, kaj la laboron faritan ĝis nun por malaperigi la rezultatojn de tiuj malfeliĉaĵoj. La ekspozicia estraro uzas Esperanton por diskonigi eksterlandan sian inviton al vizito. (Adreso : Jansbinnensingel, 20, Arnhem, Nederlando).

— ĈEĤOSLOVAKUJO. — La radiodissendoj okazas ĉiutage de 15.00 ĝis 15.15, ondlongecoj 31.41 kaj 25.34; ankaŭ de 22.00 ĝis 22.30, ondlongeco 25.34. La mezondaj programoj restas neŝanĝitaj.

## BIBLIOGRAFIO

— *Jarlibro de la internaciaj organizaĵoj.* — La eldono de 1950 estas baldaŭ aperonta. Havebla ĉe « Union des Associations Internationales, Palais d'Egmont, Bruxelles ».

Eldonata en franca kaj angla lingvoj, tiu jarlibro enhavos la sekvantajn priskribojn : 1) Strukturo de la eŭropa organizado pri ekonomia kooperado; 2) Eŭropa konsilantaro; 3) Organizado de la Kontrakto de Bruselo pri « Okcidenta unio »; 4) Organizado de la uzonaj ŝtatoj; 5) Organizado de la Unuiĝintaj nacioj; 6) Specialigitaj institucioj; 7) Ĉiuj organizaĵoj ĉu ŝtataj, ĉu ne ŝtataj.

Ĝi ankaŭ enhavos liston de la diplomatikaj misioj, de la Komercaj ĉambroj kaj kalendaro de la ĉefaj komercaj okazontaĵoj de la jaro.

— *El Popola Ĉinio*, monata informa bulteno, okpaĝa gazeto; senkosta specimeno ricevebla de Fremdlingva eldonejo, 26, Kuo Hui Chieh, Peking.

## NEKROLOGO

— La 10an de Julio 1950, mortis S-ro G. KESTENS, frato de F-ino M. Kestens, membrino de Brusela Grupo kaj de B. L. E. Niajn korajn kondolecojn !

## ANONCOJ

— JANĈIE, Danilo, 5 Wolfover, Ljubliana, Jugoslavujo, deziras korespondi.

— LIBERTEMPO EN HISPANUJO. — Du personoj samtempe povus esti ricevataj kiel gastoj — 2 ĝis 4 semajnojn — ĉe Esperantista familio en plej bela kvartalo de Madrido. Iam inter Oktobro kaj Julio. Interŝanĝe post simila gastigado eksterlande inter Julio 10 kaj Septembro 25. Preferinde somera urbeto apud maro kaj montoj. Bonvolu skribi konfidence detalajn proponojn Groj. Alvarez, Apartado 1257, Madrid.

## BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Poŝtĉekkonto 1357.67, Brusela.*

### TARIFO DE LIBROJ KAJ PROPAGANDILOJ

| | |
|---|---|
| *La Mortado*, parolado de Prof. D-ro Hermann Nothnaegel, tradukita de Bernhard Seltzer ... fr. | 15.— |
| *Komercaj leteroj*, de C. A. Pruissen ... | 14.— |
| *Esperanto appris sans maître en quinze leçons*, de Henri De Coppet ... | 15.— |
| *Interlingvistiko kaj Esperantologio*, de W. Manders ... | 30.— |
| *Invito al ĉielo*, de James Sayers ... | 110.— |
| *Medicina Vortaro*, de Briquet ... | 100.— |
| *Esperanto langue des Nations Unies*, 100 ekz. ... | 10.— |
| 10 ekz. ... | 1,50 |
| *Esperanto en un coup d'œil*, 100 ekz. ... | 25.— |
| *Esperanto in een oogslag*, 100 ekz. ... | 25.— |
| *Propagand-ilustritaj poŝtkartoj*, po peco ... | 1,25 |
| *Essor de l'Esperanto* (franclingva), 4paĝa grand-formata gazeto, n-ro 4, po ekz. ... | 2.— |

— Restas ankoraŭ kelkaj numeroj 1 kaj 3.

| | |
|---|---|
| Abono al *Franca Esperantisto*, po jare ... | 50.— |

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto* : D-ro P. KEMPENEERS, 10, avenuo Montjoie, Bruselo.
*Vic-Prezidantoj* : S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenuo De Bruyn, Wilrijck-Antwerpen.
S-ro A. TASSIN, 1, rue Saint-Joseph, La Louvière.
*Generala Sekretario* : S-ro Cl. VANDEVELDE, 178, Peter Benoitlaan, Merelbeke.
*Sekretario* : S-ro J. VERDIER, 78, avenue Marie-José, Woluwe Saint-Lambert Bruselo.
*Kasistino* : S-ino J. PLYSON, 185, rue Jourdan, Saint-Gilles-Bruselo.

## KOMBINATAJ KOTIZOJ

## Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto Asocio

I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo; rajtigas ricevi la nacian gazeton « Belga Esperantisto » kaj la internacian kuponaron por servoj) ... ... ... ... fr. 80
*Familia membro* (same, escepte la gazeton) ... ... ... ... ... ... ... 40

II. *Membreco kun individua aliĝo* al la internacia organizaĵo :
a) *Membro kun Jarlibro* :
kiel simpla membro; ricevos krome la Jarlibron kaj ĝian aldonon ... ... ... 115
b) *Membro Abonanto* :
kiel membro kun Jarlibro; ricevas krome la monatan internacian gazeton « Esperanto »... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 170
c) *Membro Subtenanto* :
kiel membro-abonanto; pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... ... 300

III. *Bonfaranta Membro* memvole aldonas almenaŭ 25 fr. al sia kotizo, speciale por helpi al R. B. L. E.

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1537.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

Imp. LIELENS, S. P. R. L., 18, rue de la Princesse, Bruxelles. — Téléphone 21.10.98